# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO XI, SOFIA — BULGARIO
APRILO — JUNIO 1967, № 2

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

**I. Ŝkapa**

## NOVAJ, NEKONATAJ MATERIALOJ PRI M. GORKIJ KAJ ESPERANTO

*(Daŭrigo)*

Ĉu vi memoras la rezonojn de la sciencisto Lomonosov en „Rusa gramatiko" pri la specifoj de lingvoj de diversaj popoloj? Lomonosov menciis la opinion de Karlo la Kvina, kiu kutimis paroli dece en la hispana lingvo kun dio, en la franca kun la amikoj, en la germana kun malamikoj, en la itala kun la ina sekso. Lomonosov esertis, ke se la Roma imperiestro lertus en la rusa lingvo, li trovus en ĝi majeston de l' hispana, viglon de la franca, subtilon de l' itala kaj super tio riĉon kaj forton en la priskriboj, koncizon de de l' greka kaj latina lingvoj. Turgenev nomis nian lingvon granda, verama kaj libera. Kaj mi diros: tia ĝuste ĝi estas. Sed, ĉu vi vidas en kio estas la esenco: Lomonosov, Turgenev kaj mi multpeka — estas neobjektivaj atestantoj: ĉiuj ni proksime parencas kun la rusa lingvo. Mi pretas aserti, ke por ĉiu popolo la gepatra lingvo estas la plej kara granda trezoro. Ĉu vi ne dubas?

— Ni ne dubas!

— En tio estas la najlo! Kaj kio koncernas Esperanton, tiun ĉi „nenies lingvon", laŭ objektiva atesto de l' pensantaj homoj, ĝi estas la lingvo, en kiu jam hodiaŭ oni povas trakti ajnan sciencan disciplinon kaj komprenigi sin kun malamiko, kiel ankaŭ kun la kamarado. Kaj, — Gorkij faris intence malserenan vizaĝon, lumiĝinte ĝin per ruzero en okuloj. — Kaj, certe, kun la amatino, decidante la plej gravajn demandojn de la ekzisto. Esperanto estas universala lingvo! Ĝi vivos, perfektiĝos kaj, mi ripetas, venkos ĉiujn malamikojn, faligante ilin subpieden. Ĝi estos la plej granda, kultura venko kaj, krome, plene sensanga.

Gorkij eksilentis mergiĝinte en rememorojn. Por momento li forgesis pri ni.

— Sed kial do, demandis Bobriŝev, — Esperanto ne estas propagandata? Niaj esperantistoj preskaŭ vegetas en postkortoj?

Gorkij krjakis (krjako — gorĝa interjekcio, simila al anasa krio, abrupte prononcata de homo por esprimi diversajn emociojn, ordinare senpaciencon, kontenton, plezuron, aprobon), denove movis ŝultron. La frunton krucis reto da sulkoj.

— Ankaŭ ĝia vico venos. La unuajn jarojn post la Oktobro ankaŭ ĉe ni oni provis malfermi larĝe la pordon al Esperanto. Sed. . . io ekbremsis, iu ion ne prikonsideris, ien deflankiĝis. Alfluis tiom da urĝaj kaj bruligaj aferoj, ke mankis tempo por Esperanto. Kaj iu ankaŭ la malpurajn enmetis en la puran aferon. Sed mi estas certa: Esperanto traboros fluejon ankaŭ ĉe ni, ĉar ĝi estas la postulo de l' vivo. Esperanto komencos la novan epokon en la scienco pri la lingvo.

Mi demandis:

— Sed kial ne destini iun el la plej disvastigitaj naciaj lingvoj kiel helpa lingvo, se

---

### ROTTERDAM ANSTATAŬ TEL-AVIV

**La estraro de UEA sciigas, ke pro la tragikaj eventoj en la Meza Oriento, la 52-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en la sama tempo en Rotterdam, Nederlando, anstataŭ en Tel-Aviv, Israel.**

Esperanto ne estas akceptata de la registaroj?

— Bonege! Sed kiun „naturan" lingvon oni povas rekomendi por la celo?

— Nu, anglan, germanan, kaj, eble, iun alian? Unuvorte tiun, en kiu plejo da homoj parolas.

— Tiel do! Kiam nun ne la ĉinan? En ĝi ja sin komprenigas kvarono da l' homaro. Krome, ĝi apartenas al la plej antikva popolo. Ne! Miaj karaj, — Gorkij dismetis la manojn, ajna lingvo, pretendanto por monddomino, estos proklamita agresoro kaj simile al ajna Napoleono fiaskos. Ĉiuj mil kvincent lingvoj, movataj de vivaj bezonoj, furioze alarmos kaj faros juste. Ĉiu nacia lingvo konstruiĝis dum jarmiloj. La lingvo estas unu el ĉefaj elementoj, difinantaj la vizaĝon de l' popolo. . .

Gorkij ĵetis rigardon tra la fenestron, movis fingrojn, sin turnis al ni pri tio la poeto: „En lingvo la popol' sindonas. En ĝi naturo ĝia sonas, animo kaj „vivmanier". Ajna gepatra lingvo ĉiam estas „plej bela", sed ĝi portas en si la ŝarĝon de l' tradicioj, kiuj faras ĝian gramatikon kaj prononcon komplika kaj malfaciligas la studon. Oni ja ne militus, diablo prenu, kontraŭ la tuta mondo por triumfo de la gepatra lingvo, eĉ se en ĝi parolas la triono da l' homaro! Ne kaj ne!

— Kaj se Esperanto ne ekposedos la masojn kaj restos propraĵo de amatoroj — kiel tiam?

Gorkij ekradiis.

— Neniel, do! La homoj kreos alian lingvon, pli perfektan, sed nepre kreos. Tamen mi estas konvinkita, ke alia lingvo ne estos bezonata, ja ekzistas Esperanto. La homaro eniris la periodon, kiam progreso ne marŝas, sed flugas. Bezono en kontaktoj kreskas, akre kreskas ankaŭ neceso de l' internacia helpa lingvo. Kaj tia lingvo povas esti nur Esperanto — mirakla interkomprenilo!

Gorkij denove tuŝis la malfacilecon de l' studo de „naturaj" lingvoj. Li asertis, ke tio disigas la homojn kaj eternigas al neniu bezonatan diverslingvecon. Subite li laŭtegis la voĉon:

— Cetere, la diverslingveco estas bezonata al ekleziuloj kaj al la biblia Jehovo, jes! — Gorkij ankoraŭ pli vigliĝis. Multlingveco, laŭ opinio de religiaj servantoj, — estas la plej klara pruvo de enmiksiĝo de dio en la terajn aferojn. Pro la provo de homoj konstrui turon kun alteco ĝis la ĉielo, dio „miksis la lingvojn", senigis ilin de kapablo kompreni unu la alian. La miraklan turon, enkorpigantan la teran revon pri la ĉielo, ili disprenis por bestejoj kaj mem transformiĝis en duonbestojn.

Gorkij estie serioza. Rakontinte pri la „Babilona turkonstruo" kaj ĝiaj sekvoj, li notis kun nuanco de bedaŭro:

— Jen kion signifas eĉ en biblia trakto la diverslingveco. Kiam la homaro venkos la „malbenon de l' ĉiopova", ĝi kunfandiĝos en unu familion kaj akiros neimageblajn fortojn.

— Jes, sed kiam ĉio ĉi okazos?

Gorkij rapide respondis:

— Certe, ne laŭ dia ordono kaj eĉ ne laŭ nia volo! Certe, multo dependas ankaŭ de ni, ĉar nun ĉiuj vojoj kondukas al tio. Ni iras al komunismo, kiel nokto iras al sunleviĝo. Kaj Esperanto fariĝos la lingvo de morgaŭo. Tial ĉiu esperantisto estas la homo, verŝanta akvon al la rado de ĉi-morgaŭo. Ĉiuokaze, li, la homo, iras kun vizaĝo antaŭen, al estonto, sed ne malantaŭen, en pasinton.

Ni demandis:

— Tamen Esperanto malrapide trabatas sian vojon. Kvindek jaroj!

— Absolute ne tiel malrapide. Stulta obstino de iuj el la nombro de l' fortaj de ĉi-mondo strebas malhelpi al ĝia triumfo. Kvindek jaroj? Vi diras, — historie tio estas momento. Sed dum la momento la semo, ĵetita de Zamenhof, ekkreskis. Kaj iĝis arbo kun verda krono. Ĝi timas jam neniun sekigan veteron.

Gorkij denove sin adresis al la esperanta vortaro, denove komencis rigardi ĝiajn paĝojn. Intercetere li demandis:

— Gustaloke, ĉu vi scias la sencon de l' vorto Esperanto? Vi ne scias? Ĝuanta esperon, esperanta — jen estas ĝia signifo. Mi estas ankaŭ esperanta, kvankam, ve! mi ne estas esperantisto. Ne sufiĉis tempo — kaj nun mi bedaŭras. Sed oni ne kapablas ĉion ĉirkaŭpreni.

Rememorinte denove pri Zamenhof, li diris:

— Grandan faron plenumis Ludoviko Zamenhof! . . Kiaj vortoj — vera muziko!

Foliumante, li legis:

— Meŝĉanin — burĝeco. Parazit — parazito. Rabotnik — laboristo! Geroj — heroo. Gerojskij — heroa.

Bobriŝev kaj mi rigardis unu la alian kaj ne povis ne rideti. Gorkij ŝajnigis, ke li legas, sed reale li prononcis la vortojn, laŭ memoro ne rigardante la tekston. Sekve, Esperanton li estis studinta, kaj multon memoris.

Redonante la vortaron, li demandis:

— Ĉu vi ne okupiĝis pri la lingvo? Provu: Mi scias, Tolstoj alte taksis Esperanton, studis ĝin. Ne nur Tolstoj: multaj seriozaj homoj konsideras Esperanton — ne bagatelaĵo.

Gorkij akompanis nin kiel novajn esperantistojn. Premis la manojn, amike ridetis. Iomete solene li basis:

— Ĝis revido! Estonto apartenas al Esperanto (esperantligve).

La ekmiron sur niaj vizaĝoj li estingis per klarigo:

— Tio signifas. . . — kaj li tradukis siajn frazojn en rusan lingvon. — Studante sinonimojn de l' gepatra lingvo, okupiĝu ankaŭ pri Esperanto! Nenion vi perdos, multon vi akiros.

---

**Aldono**

Okazis tiel, ke post la konversacio kun Gorkij — tio estis en 1933 jaro, — nek Bobriŝev, nek mi povis sekvi lian konsilon, kaj ni ne alpaŝis al Esperanto. Nur post multaj jaroj ebliĝis rememoro pri Zamenhof kaj lia verko. Kaj tiam nevole aperis la penso: Kion do skribis Gorkij pri Esperanto? Ne povas esti, ke li preterlasis en silento la „titanan laboron" de Zamenhof, tiel alte taksita de li en la konversacio kun ni.

En la tridekvoluma verkaro mi ne sukcesis trovi eĉ mencion pri Zamenhof kaj Esperanto. Tamen iom da insisto — kaj la serĉoj kroniĝis de sukceso. En la ĵurnalo „Heroldo de artistoj" („Vestnik Rabisa") № 7/10 por 1921 jaro estis publikigita letero de Gorkij, entute dediĉita al Esperanto. Defendante la novan lingvon kontraŭ atakoj kaj argumentante ĝian rajton de ekzisto, Gorkij skribis:

„Konservatira penso obstine pruvas, ke Esperanto estas utopia iniciato. La viva leĝkonforme evoluanta realo, ne rapidante, sed ĉiam pli decide, refutas la opinion de l' konservativuloj".

En alia loko de la letero li deklaris:

„Oni diras, ke la lingvo ne evoluas, estante artefarita.

Mi ne estas esperantisto, sed mi scias, ke la artefarita lingvo, evoluante sufiĉe rapide, iĝas plene natura fenomeno, ĉar ĝi respondas al la neceso de l' nuntempaj homoj trovi, krei ĝenerale kompreneblan lingvon".

La leteron Gorkij finis jene:

„Ĉu oni povas nei, ke la lingvo, sola por ĉiuj, donas potencan impulson al la procedo de kultura evoluo?

Oni ne povas. Sekve necesas agnoski kiel seneviton — la kreon kaj disvolvon de la lingvo".

Daŭrigante la serĉojn, mi min turnis al la komplekto de „Informoj de CK SEU" („Izvestija CK SESR"). En № 3/4 por 1928 jaro de la „Informoj" estis presitaj la fragmentoj el la artikolo de Gorkij „Respondo al inteligento" per jenaj vortoj:

„La strebo krei lingvon solan por ĉiuj homoj, estas unu el la arogaj ĝis frenezo aspiroj, kiuj ĉiam servis, nun servas kaj ĉiam servos al la afero de organizo de l' mondo laŭ volo de l' homo kaj por senlima disvolvo de l' kapabloj de l' homo.

Estas sendispute, ke parolante unu solan lingvon, la laboranta homaro multe pli rapide komprenus la nunecon de siaj interesoj".

Troviĝis ankaŭ aliaj fontoj (nepublikitaj leteroj, elpaŝoj en la gazetaro), atestantaj pri tio, ke nia Gorkij estis konvinkita adepto de Esperanto: la vortoj de l' granda homo neniam disiris de liaj faroj. Kun tio konsentos ĉiu, kiu interrilatis kun li kaj aŭdis la imponan, akcentantan ĉiujn vokalojn „o" (nekutiman por Moskva prononco) tre konvinkan bason de Gorkij.

**I. Ŝkapa***

* Ilaj Ŝkapa estas soveta verkisto. Kun la famekonata soveta verkisto Maksim Gorkij li longe laboris en la ĵurnalo „Niaj Atingoj".

**El la vivo kaj la naturo**

## CENTSESDEKJARA MONTANO „MALKOVRAS LA MONDON"

La plej maljunega landloĝanto, centsesdekjara Ŝirali Mislimov por unua fojo dum sia vivo forlasis la montojn, kie li loĝas, kaj vizitis la urbon Baku. La unuajn 60 kilometrojn de la vojo de la monta vilaĝo ĝis la fervojstacio Mislimov traveturis rajdante.

La granda nuntempa urbo Baku, pri kiu la maljunulo havis nur imagon pere de fotoj, filmoj kaj rakontoj, konsternis lin. Ĉio, kion li vidis, kaŭzis ĉe li multegon da demandoj. La urbo ege plaĉis al Mislimov. Tamen la montano konfesis, ke li ne ŝanĝus la montaran vivon por la urba. Ŝajnis al li ke inter la kolosaj domoj estas nekutima malvasteco kaj kvazaŭ al li mankis aero.

La tutan sian vivon Mislimov trapasis en sia loĝloko Barzavu, situanta en la neatingeblaj punktoj de Taliŝmontaro. La veturvojo por tie estis konstruita de la soveta registaro. En lia vilaĝo vivas nun cento da Mislimov-oj, idaro nombranta pli ol 200 infanoj, nepoj, pranepoj. Dum la vojaĝo al Baku lin akompanis liaj nepo kaj du pranepoj.

Esper: J. Ŝnejder, Harkov.

# DUDEK MIL KILOMETROJN: MARVOJAĜO (VOJAĜPRISKRIBO)

## Lando sub la marnivelo

La duan de oktobro, dimanĉe matene, nia ŝipo proksimiĝis al la nederlanda bordo, preterpasinte la estingiĝintajn lumojn de Hago. Ni eniris la enfluejon de Maas. Jam tute konata pejzaĝo: antaŭ du jaroj s-ro H. Kervers veturigis min per sia aŭtomobilo en tiuj la hejmon de miaj malnovaj amikoj, kvazaŭ parencoj, familianoj Kervers. Kortuŝe nin akceptis la gepatroj Hari kaj Els, la ĉarmaj filinetoj Henriet kaj Mieke, ĉiuj aktivaj esperantistoj, renkonteblaj en preskaŭ ĉiuj Universalaj E-Kongresoj. Ĉar antaŭ du jaroj pre-



Nederlanda peizaĝo — Murelilo

lokoj. Maldekstre — la lumturo kaj la strando, ambaŭflanke — la digoj kaj malantaŭ ili — la malalta, sub la marnivelo, nederlanda tero kun siaj pitoreskaj urbetoj, vilaĝoj, kanaloj, mueliloj, herbejoj.

Jen ni proksimiĝas al Rotterdam. Videblaj estas miloj da ŝipmastoj, uzintuboj, konstruaĵoj kaj super ĉiuj — la altega fungo de la turo-restoracio. Tien ĉi, en la Oficejon de UEA, tutan monaton en 1964 mi venadis per trajno el Hago por helpi al LoKoKo en la preparo de la 48-a Universala Kongreso.

Posttagmeze nia turista kvaropo promenis tra la stratoj de la urbo, kies haveno estas plej granda en Eŭropo. Konstante pluvetis malagrable por turistoj. La sekvantan tagon ni denove promenis tra la urbo-nun ni vidis la centron kaj poste la vagonaro veturigis nin al Hago, laŭ la deziro de miaj amikoj. En Ŝeveningen ni trovis skaŭ 40 tagojn mi trapasis en tiu ĉi urbo, tial nun mi ne partoprenis la promena don en la urbo per aŭtomobilo, gvidata de s-ro Kervers, nur miaj bulgaraj kunvojaĝantoj trarigardis Hagon. Post gaja kaj amuza vespermanĝado ni revenis en nian ŝipon. La sekvantan tagon ni ree promenis en la grandhavena urbo-plejparte en Schiedam. Posttagmeze en la 17-a horo ni forlasis Roterdamon kaj ekvojaĝis al Anglio.

### EN LA GRANDEGA LONDONO

Tra Norda maro ni eniris en Temzon la sekvantan tagon (5. X. — merkrede) kaj laŭ tiu rivero tra kluzo en la haveneton. Ambaŭflanke sur la bordoj oni vidas fabrikojn, uzinojn, palacojn, domojn. Feliĉe nia restadhaveneto estis preskaŭ en la centro de la urbo kaj tio donis al ni eblecon viziti diversajn partojn de la urbo.

Multon oni devas skribi pri Londono. Pri kio pli multe skribi: ĉu pri la malnovaj kaj novaj domoj, pri la famaj palacoj, placoj, ĝardenoj, parkoj, muzeoj, komercaj kaj bankaj stratoj; ĉu pri la ĉefurbanoj kun iliaj tradiciaj vestoj, rondĉapeloj, cilindroĉapeloj, cigaroj en la buŝo ktp.; ĉu pri la nekutima por ni maldekstra marŝo de la aŭtomobiloj; ĉu pri la malfacile komprenebla kaj ellernebla sistemo de la anglaj bankbiletoj kaj moneroj. . . Tradicioj kaj moroj.

Ni marŝis tra la londanoj stratoj kvarope, per aŭtobuso ekskursa, duope. La alian tagon ni vizitis la placon apud la kastelo „Tower", ni trapasis la ponton „Tower Brige", ĉirkauiris la kastelon — dum la mezopoko palaco de la anglaj reĝoj, poste malliberejo por la malamikoj de la reĝoj kaj nun interesa muzeo, kiun mi vizitis aparte. Sur la placo ni vidis la famekonatan anglan demokration (kiel en Hajdparko): virino vestita ne moderne legis laŭtvoĉe la biblion, katolikoordinara homo — parolis laŭte pri katolikismo kaj dio; apude-mezaĝa viro völvita per granda kaj peza ĉeno, disŝirante ĝin paroladis akre kontraŭ la jugo kaj la barbarismo de la imperialismo kaj kolonialismo; du malpuraj knaboj ĉifonvestitaj apude kantis (ludante je gitaroj) belajn estradajn kantojn. Sur la placo la malmultaj ĉeestantoj preskaŭ ne aŭskultis, ridetis aŭ primokis iujn el la parolantoj.

Interesa estis nia aŭtobusa ekskurso tra kaj ekster la urbo. Ĝin partoprenis ĉiuj gemaristoj. Unu el la maristoj, bone konanta Londonon konstante montris kaj klarigis al ni la vidindajn objektojn. Jen la komercaj kaj bankstratoj kaj kvartaloj, jen la majesta Parlamentejo, la fama policejo „Skotland jard", la stacidomo „Viktoria" la domo de la ministro-prezidanto, Vestminstera abatejo, la grandega hotelo „Hilton". Ni ripozis apud la reĝa palaco (Bakingama) kaj en la placoj „Trafalgar Skuer" (kun la monumento de admiralo Nelson) kaj „Pikadili". Ni preterpasis la Pentrartan galerion, aliajn kvartalojn. La ŝoforo iom suspekte gvidis la aŭtobuson, ne rapidis. Li kondukis nian grupon al la observatorio kaj muzeo „Grinviĉ", kie ni promenis kaj fotografiĝis

apud la grinviĉa meridianlinion. Sed revene la ŝoforo ne deziris konduki nin al la Brita muzeo kaj al la tombejo kie estas la tombo de Karlo Marks. Fripone li emis preni aldone alpagon kiel trinkmono, sed la sumo estis granda. Tiam ni rifuzis al li, forlasis la aŭtobuson kaj revenis 5 kilometrojn piedmarŝe al la ŝipo. Sekvontan tagon ni plendis al la estroj de la ŝoforo kaj ni pagis la veturadon kun rabato.

En tiu ĉi ekskurso alloga estis a muzeo de „Madame Tussaud's". En ĝi estas eksponitaj mirinde preparitaj vaksaj skulptaĵoj de elstaraj historiaj kaj famaj personoj de la tuta mondo. Tie ni vidis figurojn, vestitaj kaj preparitaj kiel vivaj, kaj se oni metus apud la skulptaĵo la veran originalon, kaj se ĝi ne moviĝas, oni ne povas diri kiu estas la vivanta, kiu estas skulptaĵo. Jen Napoleono, preskaŭ ĉiuj anglaj reĝoj, reĝinoj kaj princoj, jen Robert Kenedi kaj Linkoln, Ĥruŝĉov kaj Breĵnev, Tito, Neru, Ruzvelt, de Gol, eĉ la kvar estradaj kantistoj (Bitâls), la angla fudbalista teamo, en 1966 monda venkinto, k. a.



London — Tower Brige

Interesa estas ankaŭ la subtera kriminala muzeo (en la sama konstruaĵo), kie oni povas vidi famekonatajn murdistojn, ĉiuspecajn maŝinojn kaj ilaron por turmentoj kaj inkvizicion. Apude ni vizitis la muzeon de Nelson, impona per sia realeco; marbatalo, pafado, lumoj, mortkrioj ktp.

Ankaŭ en Londono ni trovis afablan esperantiston. Li estas elstara, konata tutmonde, S-ro Holmes, kelkfoje prezidanto de Universalaj Kongresoj. Malgraŭ ne juna homo, li kompleze gvidis min kaj mian fratinon tra Londono. Li montris al ni la kvartalon „Pikadili", aliajn vidindaĵojn, ni vizitis la Britan muzeon kaj la Artan galerion ktp. Sinceran dankon al ĉiuj samideanoj, kiuj helpis nin dum tiu ĉi nia longa vojaĝo. Poste mi memstare vizitis la „Tower muzeon", tre interesa kun siaj armiloj kaj reĝaj oraj eksponaĵoj. Kun grupo da maristoj per vagonaro ni veturis orienten laŭ Temzo 80 klm kaj restadis du horojn en la urbeto South en sea.

Post 9-taga restado en Londono ni forvojaĝis al la Belga marbordo.

(Daŭrigota)

**Ivan Esperov**

## SCIIGOJ

**Pro sia longa vojaĝo tra Sovetunio dum junio j. k. la redaktoro de „Int. Ĵ-sto" kaj sekretario de TEĴA (Ivan Esperov) ne sukcesis siatempe respondi al la multaj leteroj, venintaj dum lia foresto.**

**Aperis la 6-a n-ro de „Agrikultura bulteno" 1967, organo de Internacia Ligo de Agrikulturaj Specialistoj—Esperantistoj ILASE. Adreso: str. Oboriŝte 15. Peŝtera, Bulgario.**

**La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" atendas kontribuaĵojn—artikolojn, raportaĵojn, feljetonojn humoraĵojn, fotojn, poeziaĵojn k. a. materialojn.**



Montara pejzaĝo en Bulgario

# ANKORAŬFOJE PRI LA GAZETARA SERVO ĈE T. E. J. A.

*Antaŭ jaroj en nia TEĴA-estraro oni elektis membron kiel artikoloperanton gvidanton de nia Gazetara Servo. Sed se mi ne eraras, ni ne sukcesis funkciigi bone tiun nian servon. Almenaŭ mi aŭdis nenion pri la laboro de ĝia gvidanto. Do, la deziro, la teorio ne kuincidis kun la praktiko.*

*Tamen la ideo estas bona kaj taŭga. Neniu pli bone ol ni — ĵurnalistoj—povas kompreni kiom valora estas por nia ĉiutaga profesia laboro la senpera kontakto kaj kunlaboro inter ĵurnalistoj en malsamaj landoj. Laborante en redakcio kiel respondeculo pri politika, ekonomia, sporta k. a. fakoj ni bezonas proprajn rilatojn kun samfakuloj alilandaj. Sed tiajn kontaktojn ni malfacile organizas, eĉ pro nesufiĉa kono de multaj lingvoj. Do, necesa estas ia servo por interŝanĝado de gazetmaterialoj.*

*Foje mi mem provis la peradon de artikoloj. Kelkaj monatoj antaŭ la olimpiaj ludoj en nia lando (Helsinki 1952) mi preparis dufolian priskribon pri la „lando de venontaj olimpiaj ludoj", ĉar ĝi ne estas tre konata. Pri la preta artikolo mi informis en „Int. ĵurnalisto". Bedaŭrinde neniu mendis ĝin. Ĉiuokaze la afero pri interŝanĝa servo estas signifa. Ni tamen ne devas senesperiĝi pro la malsukcesoj ĝisnunaj. Oni devas pritrakti la demondon ankoraŭ kaj ankoraŭfoje, oni devas serĉi vojon por realigi ĝin. Kolegoj el diversaj landoj povas prezenti siajn opiniojn tiurilate.*

*Mia opinio estas, ke la ĝisnuna peranto devis multe labori vane: kolekti artikolojn ofte hazardaj kaj ne serĉataj, anonci ilin, korespondadi, sendi malofte iujn materialojn ktp. Tio ja senesperigas la peranton. Ekzemple mi bezonas artikolojn por la rubriko „letero de nia propra korespondanto" pri porpacaj demandoj. Ne pri ĝeneralaj, principaj, sed pri aktualaj eventoj: kiel sukcesis, la pacmarŝoj en Japanio, Belgio, Anglio GFR k. a. Iuj grandaj agentejoj nè volonte peras similajn informojn al nia lando. Nun per la nomita peranto mi ne povas kolekti tiajn informojn kaj mi devas serĉi senperan kontakton kun kolego en alia lando. En tia okazo la kunlaboro estos pli kutima kaj fruktodona. Tiel oni povas interkonsenti pri aliaj diversaj materialoj kaj interhelpo. Eble estas ricevi tiajn materialojn ankaŭ per nia, tamen vigla, peranta fako.*

*Ni devas ekfunkciigi nian perantan servon iamaniere, ni devas plivivigligi ankaŭ niajn senperajn kontakton kaj kunlaboradon. Pri tiuj problemoj ni interŝanĝu opiniojn kaj proprajn spertojn sur la paĝoj de nia TEĴA-organo — „I. J.".*

Finnlando. **N. Kavenius**

---

**Grava Peto**

**Ĉar la 52-a Universala Kongreso de Esperanto ĉi jare okazos en Rotterdam (Nederlando) kaj verŝajne iuj teĵanoj partoprenos ĝin, estas ebleco organizi specialan renkontiĝon de ĵurnalistoj (se ne okazos jarkunveno) kun la programo. La sekretario de TEĴA petas ĉiujn estraranojn, komitatanojn, reprezentantojn kaj ordinarajn membrojn de nia asocio tuj averti lin (Ivan Keremidĉiev, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario) pri sia partopreno por ke la estraro pristudu la eblecoj npor organizo de renkonto aŭ jarkunveno en Rotterdam.**

**Sciigo de la Redekcio**

Pro manko de pagitaj reklamoj „Internacia Ĵurnalisto" eble provizore aperos sen kovrilpaĝoj.

**Programo "Pasporto"**

Okaze de la 1967-Jaro de Internacia Turismo aperis grand-formata stencilita broŝuro „E.-P r o g r a m o P a s p o r t o" kun konvenaj artikoletoj. Eldonis Argentina Junulara Organizo, sekcio de TEJO.

**Ĉu vi pagis vian membrokotizon?**

# NEKROLOGO PRI „PAĈJO"

Ĉiam donis al ni, hungaroj, ian kaŭzon por nobla fiereco tiu feliĉa fakto, ke Julio Baghy estas nia samlandano — kvankam pri ĝi neniajn meritojn ni havis. La lumoj de lia mondvasta populareco rebrilis al nia malgranda lando, eĉ al ni, hungaraj esperantistoj. Ju pli dolĉa estis la ĝojo persone koni lin, la grandulon de Esperanto-literaturo, la verkinton de dudek beletristikaj volumoj, esti senpera lernanto ĉe redaktoro de geniaj, spritaj lernolibroj, partopreni en neforgeseblaj klubejaj babiladoj sidante ĉirkaŭ li — des pli doloriga nin lia poreterna foriro.

„Al tuta mond' vi apartenas" — rekonis la juna japana adeptanto de nia lingvo — bonĉe konata figuro antaŭ ĉiuj, kiuj finĝuis la romanon „Verda koro„, verkita de „Paĉjo" Baghy. Sed kiu koncernis la Internacian Lingvon, poste koncernis la verkiston mem. Vere: li apartenas al la tuta mondo. En 15 landoj de Eŭropo kaj Azio troviĝas kelkdekmiloj da homoj, persone instruitaj de li. Kaj lia riĉa dumviva verkaĵo instruis homecon, humanismon, pacamon, malamon kontraŭ ĉiu ajn barbarismo por milionoj da dankaj legantoj.

En malvasta amika rondo ofte li menciis— kiam ni priparolis la sukcesojn aŭ fiaskojn de nia Esperanto-afero, la nekomprenon aŭ malkonsenton de tielnomataj kleraj homoj — ke „esperantistoj ne fariĝas." Li aludis pri la neĉiutaga anima strukturo de ĉiuj versaj esperantistoj: havantaj nerompigeblan fidon je la homa kompreno, emon por sincera amikeco nekonanta landlimajn aŭ antaŭjuĝajn barojn, elastecon, ĉiaman junecan humoron, havantaj nekalkuleman, sindonan oferemon, freŝan ludemon, sendepende de la aĝo. Li mem estis imitinda, sed neniam perfekte imitebla modelo de ĉi tiu idealo — ja li estis geniulo, malofte troviĝebla talento, kiel trafe ĉe lia ĉerko estis menciita: „ĝisosta esperantisto."

Ĉu iu povas forgesi la pasian elokventecon kaj la specialan ĉarmon de lia oratorado? Rememoru pri la kongresa salutparolado, farita pasintsomere en Budapest! Ni sciis bone, ke li jam tiam estis grave malsana, — korpremoj, pezaj sufokiĝoj lin suferigis — sed preskaŭ flugilojn li ricevis meze de vigla samideanaro. Eĉ en la hospitala lito li volonte donis intervjuon por la hungara radio, pardonpetante nur pro tio, ke li ne povas deklami sian poemon, sed babiladi pri Esperanto, — kial ne. . .?

La blanka hospitalĉambro, kie li pasigis la lastajn monatojn de sia kara vivo, estis preskaŭ pilgrimloko de esperantistoj. Komence de la 25-a de marto fariĝos pilgrimloko lia lasta ripozejo en la tombejo de Farkasrét. Centoj kaj centoj akompanis la ĉerkveturilon, larmoplene ili kantis la Esperantan himnon — kaj la tombo estis kovrita per aro de florkronoj.

Li — la amata Paĉjo — ne estas plu inter ni. La redaktoroj — kolegoj ne povas plu peti de li originalan manuskripton, ne povas kiel eble plej rapide aperigi recenzon pri liaj novaj verkoj. Ni povas nur fidele gardi kaj plu fruktigi lian riĉegan heredaĵon.

Elizabeto Kis
(Budapest, Hungario)



Ĉe la tombo de nia „Paĉjo" — Julio Baghy. La funebra enteriga ceremonio. Adiaŭa parolo de Vilhelmo Benczik en la nomo de la E.-junularo. La raportistino de la Hungara Radio-Eva Farkas, surbendigas la ceremonion por E.-disaŭdigo.

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kävenius, Taskulantie I, H139, Turku 9, Finnlando.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Estraranoj: N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14, kv. 1., Moskva G-34 USSR; s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Märsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspienski, Anielewicza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.

Ĉeĥoslovakio — Vladimir Kvapil. Nădražni 334, Bludov, okres Šumperk. Rumanio, Stefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bukuresti.
Israel — Oskar Berman, rehov Tarna 49, P. K. 30, Hedera.
Vjetnamio — Dau — Anh Kna, No Quoctenou Bv Vietnam, Hanoi (via URSS).
Ĉinio — Shi Si-wei, Ĵurnalista fako — Pekina Universitato, Peking.

REPREZENTANTOJ DE T. E. Ĵ. A.

Germanio (GFR) —Maria Vogel, Kniebestrasse 31, Stuttgart.
Japanio — Kyosuke Yukimara, 851, Shinobe Befu, Kakogawa.
Brazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805, Botafogo, Rio de Janejro.
Aŭstrio — Alois Hilkersberger, Lötzweg 15, Landeck, Tirol.
Francio — *Jean Dalet, 79-bis Rue du Chateau, Asnieras, (Seine).*
USONO (U.S.A.) — Conrad Fisher, Secretary, R.F.F.I, *Cavlin Street, Meadville, Penzylvania 16335.*
Aŭstralio — Iréne Fink, F. C. Box. Mount Waverlev, Victoria.

La estraranoj de TEĴA estas membroj de la Cetra Estraro. Ili estas elektataj en ĝenerala fakkunveno.

La komitatanoj estas en tiuj landoj, kie ekzistas pli ol 5 asociaj membroj. Ili estas elektataj de la landaj membroj aŭ nomataj de la Estraro kaj havas rajton prizorgi la aferojn de TEĴA en sia lando kaj se necese voĉdoni kiel konsilantoj de la Estraro pri gravaj demandoj.

La reprezentantoj reprezentas la asocion en sia lando, kie estas malpli ol 5 membroj.

Ĉiuj-estraranoj kaj reprezentantoj laboras por aligo de novaj TEĴA-membroj, por plenumo de la decidoj de la ĝenerala kunveno kaj de la instrukcioj de la Estraro. Ĉiuj ili kolektas la membro — kaj abonkotizojn en sia lando (ankaŭ en najbaraj landoj) kaj konservas la monsumojn ĉe si ĝis kiam aperas ebleco transdoni ilin (laŭ ordono de la Sekretario kasisto) al la redakcio de „Int. Ĵ-sto".

La membrokotizo (kaj la abonkotizo) de „Internacia Ĵurnalisto" jam estas 1,20 usona dolaro aŭ egalvaloro.

## NOVA MEMBRO — KAJ ABONKOTIZO DE T. E. Ĵ. A. KAJ DE „INTERNACIA ĴURNALISTO"

*Komence de 1967 jaro la membrokotizo de TEĴA estos 1,20 usona dolaro aŭ egalvaloro por aliaj monunuoj. La sama estas ankaŭ la abonkotizo de „Internacia Ĵurnalisto". La prezo plialtiĝas pro la konstanta plialtigo de la prezoj kaj kotizoj en la Okcidentaj landoj.*

### „INTERNACIA JURA REVUO"

**Aperis nova Esperanto — gazeto kaj kunfrato „Internacia Jura Revuo", organo de Internacia Esperantista Asocio de Juristoj, fondita dum la Universala Kongreso en Budapesto pasintjare). N-ro 1 estas grandformata, stencilita, 32-paĝoj, kun kovrilpaĝoj.**

**Redaktoro de la nova revuo estas nia aktiva teĵano en Budapeŝto D-ro Lajos Marton. Adreso, Szemere u. 10., Budapest V, Hungario.**

### ŜANĜO DE ADRESOJ

S. G. Bassin, Taŝkent 96, ul. Mukimi 10, kv. 22: Sovetunio.
Vasilij Riis. ul. Vee 22—23, Pärnu, Estona SSR Sovetunio.
Nguyen — van Kinh, 68 st. Ly Thuong, Kiêt, Hanoi, Vjetnamio.
Drago Kralj, Fabijanova 39, Ljubljana, Jugoslavio.

### NOVAJ MEMBROJ DE T. E. Ĵ. A.

Ilija Samsonoviĉ Ŝkapa, verkisto, Moskva B-66, Nijnjaja Krasnoselskaja 22, kv. 5, Sovetunio.
Josef Fd. Ambrož, Spačkova 3, Brno — Žedenice, Ĉeĥoslovakio.

### RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

— 700 jaroj de Rožnov pod Radhoštêm — turista ilustrita faldprospekto, eldonita okaze de la jubileaj festoj kaj ekspozicio. Liveras „Esperanto-rondeto" ĉe uzina klubo „Sklař", Vsetin — Ohrada, Ĉeĥoslovakio.

— Ekspozicio „Kosmo kaj infanoj" — konkurso, faldfolio pri la organizita konkurso de Popola astronomia observatorio Zilina, Ĉeĥoslovakio, pri infandesegnaĵoj.

— Poŝtkartoj — kvar specoj pri Rožnov p. R., portreto de Zamenhof, pri Vsetin kaj Beskydy. Eldono de E.-rondeto ĉe *uzina klubo* „Sklař", ĈSSR.

— Vizitu Ostrava — faldfolia ilustrita prospekto pri la 700-jara ĉeĥoslovaka urbo Ostrava.

— *Danio en bildoj* — belega faldfolia broŝuro, grandformata kaj aldona broŝuro kun Esperanto-klarigteksto. Ricevebla ĉe ĉiuj danaj ambasa*dorejoj kaj* konsulejoj. Eldono de la dana ministerio pri eksterlandaj aferoj.

— Jarlibro 1967—1968 de I.K.U.E-, 66-paĝa.

**Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**